*enhavas raportojn, avizojn k. t. p. de B. U. E. kaj de „Bohema Propaganda Societo Esperantista", kies komitatoj redaktas ĉi tiun rubrikon. Demandojn kaj informojn adresu: Esperanto-Kancelario de Bohema Unio Esperantista en Praha II. Vodičkova ul. 38.*




## *ESPERANTEJO EN PRAHA.*

*Per granda ĝojo estis plenigita koro de bohemaj Esperantistoj. Ĉar ilia Centra Asocio Bohema Unio Esperantista ricevis de kelke da siaj oferemaj amikoj kiel kristnaskan donacon belan, konvene meblitan, vastan ĉambron, lupagatan per 200 Sm jare. Tiel prosperis Unio pligrandigi siajn laborejojn, ĉar krom sia sidejo, la mondkonata Esperanto-kafejo „Union" (I. 342), ĝi posedas nun propran kanc larion kuŝantan en la centro de urbego (Praha II. Vodičkova ul. 38, palaco de barono Nád herný) kaj tre taŭgan ankaŭ por kursoj, kiuj de januaro estas tie aranĝataj sep: 2 elementaj, supera, por instruistoj de Esperanto kaj tri studentaj. Krom tio ĝi estas sidejo de nove fondita Bohema Propaganda Societo Esperantista kaj de kelkaj aliaj kluboj. La 26. XII. anoncis granda flago, ke en la nova, ĵus malfermita kancelario okazis publika ekzameno pri Esperanto.*

# CENTRA ASOCIO BOHEMA UNIO ESPERANTISTA.

Preparaj laboroj por la eminentsignifa manifestacio

II. KONGRESO DE BOHEMAJ ESPERANTISTOJ

okazonta laŭ decido, akceptita de la eksterordinara ĝen. kunveno de B. U. E. kaj aprobita de la I. Kongreso, en j. 1910 en la dua metropolo de Bohemujo — en la fame konata urbo PLZEŇ jam komenciĝis per starigo de la Kongresa Komitato, pri kies agado ni povos doni pli detalajn sciigojn jam en la venonta numero.

B. U. E. dissendis al ĉiuj ĉefaj slavaj societoj esperantistaj demandajn leterojn pri ilia opinio koncerne la projektitan *I. Interslavan Kongreson;* kvankam preskaŭ ĉiuj respondis favore kaj plene aprobis nian ideon, tamen troviĝis nuna tempo por tia manifestacio ankoraŭ nematura, unuflanke pro neebleco intertrakti dum kelke da monatoj necesajn aranĝojn organizajn, aliflanke pro la preparataj lokaj kongresoj de niaj fratoj sudslavaj. Spite tio ni firme opinias, ke tiu ĉi grava tutslava festo tamen efektiviĝos, precipe post persona interkonsento kun reprezentantoj de la slava Esperantistaro dum nia II. Bohema Kongreso, al kiu estos por tiu celo ĉiuj slavaj nacioj kore invititaj.

**Festoj.** La kutimaj ĉiumonataj Besedoj ne perdas sian altiremon. Ĉe la solena Besedo, kiu havis lokon la 6. XI. en la Nacia Domo de antaŭurbo Smíchov, estis donacita al kantista sekcio de Občanská Beseda en Smíchov honora diplomo por meritoj, kiujn ĝi gajnis per artista prezentado de himnoj „Espero“, „Al la fratoj“ kaj aliaj kantoj dum niaj kongresaj festoj. — Sub protektado de Centra Asocio B. U. E. okazis la 4. XII. reprezentacia vespero (soirée dansante) en salono de hotelo „Central“ en Praha, kiu kunvenigis multenombrajn amikojn de dancarto. Ŝatinda memorajo restos al ĉiuj partoprenintoj artiste desegnitaj dancprogramo kaj poŝtkartoj ornamitaj per la jus eldonitaj belegaj glumarkoj kun portreto de nia Majstro. — Jubileo de dr. Zamenhof iniciatis Union aranĝi je lia honoro festan vesperon la 15. XII. en salono de restoracio „U Vejvodů“. Pri la vivo kaj meritoj de jubileulo parolis s-o K. Procházka. — Tekston de tiu ĉi parolado multobligis Unio kaj dissendis ĝustatempe al ĉiuj siaj kluboj rekomendinte ĝin ne sole por laŭokazaj festoj, sed ankaŭ por publikigo en la lokaj jurnaloj. Tiamaniere estis ebligita, ke multaj bohemaj gazetoj raportis pri Esperanto kaj ĝia kreinto. — Intima estis la Besedo okazinta la 8. I., ĉe kiu estis malfermita la memstara esperantista hejmo en Praha. La partoprenintoj kunvenis en la nova kancelario de B. U. E., kie ilin salutis vicprezidanto de

Unio s-o prof. dr. V. Rosický, aludinte graveeon de tiu ĉi memstariĝo por nia movado. Post kantita himno foriris la gastoj en sidejon de B. U. E. kafejon Union, kie ili amuziĝis per esperanta interparolado ĝis malfrua nokta horo.

**Ekzamenon** superan je la kristnaska termino faris kun bona sukceso s-o Josef Šilhart, konduktoro en Trutnov. La ekzameno havis lokon en la kancelario de B. U. E. Venonta ekzameno okazos la **28. III.** (Paska lundo). Postulu la regularon.

*Ĝenerala kunveno de Unio: 6. III. 1910.*

Ni sincere dankas al ĉiuj redakcioj de esperantaj gazetoj, kiuj bonvolis en la pasinta jaro komplezeme publikigadi la raportojn de nia Centra Asocio pri la movado inter Bohemoj. Ni firme esperas, ke ili montrados al ni ankaŭ en tiu ĉi jaro la saman afablecon.

* *

České Obchodní Museum v Praze otevřelo v paláci „Merkuru" (Mikulášská tř.) velkou veřejnou čítárnu českého obchodnictva, v níž jsou vyloženy vedle listů odborných a větších tu- i cizozemských žurnálů politických též časopisy esperantské. Jsou tu zastoupeny mimo náš časopis esp. revue z Ameriky, Anglie, Japonska, Řecka a Švýcarska. Čítárna jest otevřena ve všední den od 5—9 hod. več., v neděli a ve svátek od 10—12 hod. dopol. Č. O. M. povolilo členům Unie b e z p l a t n o u návštěvu čítárny na průkaz legitimace našeho Ústředního Svazu a vyzvalo výbor, aby na tuto výhodu spolky v B. U. E. sdružené příslušným způsobem upozornil. Pražští Esperantisté i hosté z venkova zajisté budou používati hojnou měrou této výhody.

*P. T. redakcioj de esperantaj jurnaloj bonvolu akcepti nian sinceran dankon por afableco, kun kiu ili konsentis regule sendadi siajn revuojn por la publika legejo de Bohema Komerca Muzeo en Praha.*

B. U. E. vydala společným nákladem s „Propagandou" nálepky s portretem našeho Mistra k uctění jeho jubilea. Přinášejíce otisk jich vkusné kresby, doporučujeme je všem přátelům jako výrobek český, ceny umělecké, který daleko předčí podobné výrobky cizinou nám nabízené.




Cena 50 ex 30 hal. vypl. (Provedení na papíře kolkovém a křídovém.) Pro spolky sdružené v B. U. E. 1000 ex. 4 K.

Podporujte propagandu Esperanta hojným používáním těchto nálepek!

## ZAMENHOFŮV PROPAGAČNÍ FOND

založený na výborové schůzi Ústředního Svazu B. U. E. dne 21. XI. m. r. má za účel zabezpečiti po stránce finanční veškeré úkoly, jež má náš Svaz podniknouti v zájmu Esperanta: k e k r y t í výloh spojených s I. Kongresem bylo a bude třeba obětavosti upřímných přátel naší myšlenky. Účel této sbírky dobrovolných darů byl již mnoha jednotlivci i spolky správně pochopen a děkujeme na tomto místě všem štědrým dárcům za pozornost a podporu v naší práci. Těší nás, že naše výzva neminula se účinku a že již můžeme za nedlouhou dobu dvou měsíců vykázati značnou část příjmů určených Zamenhofovu fondu.

**Jedno sto tisíc haléřů** jest třeba sebrati k vytčenému účelu! Do 26. I. t. r. přispěli: Návštěvníci kanceláře B. U. E. 1070 h, p. Kessler a Chudárek ve Vyzovicích 110 h, Klub v Táboře 250 h, Soirée dansante B. U. E. 1582 h, p. manželé Srkalovi na Kr. Vinohradech 500 h, Klub na Kr. Vinohradech 6400 h, Klub v Hradci Král. 1000 h, p. Fr. Vaněk v Třebíči 60 h, Klub v Písku 1000 h, p. A. Sedlický v Turnově 100 h, p. B. Skořepa v N. Bydžově 310 h, Klub ve Vsetíně 50 h, p. A. Siebenschein ve Vídni 200 h, Klub v Praze 14.700 h, p. V. Pavliš v Hořicích 100 h, p. prof. dr. Rosický v Praze 500 h, p. dr. Fousek v Pardubicích 200 h, p. Ot. Fikeys ve Vídni 100 h, p. P. Kučera v Mikulči 500 h, Klub na Žižkově 879 h, p. Brož v Chrudimi 100 h, p. Jos. Muric v Újezdě 100 h, p. B. Kobr v D. Roketnici 100 h, p. prof. Kasalý v Telči 200 h, p. J. Šterba v Kolíně 50 h, p. K. Frám v Telči 100 h, p. M. Chaloupka v Purkarci 50 h. **Celkem 30.311 haléřů** (303 K 11 h).

Výbor Unie rozeslal pražským klubům pozvání ke schůzi, jejíž cílem jest založení pěveckého kroužku, který studoval by v první řadě skladby esperantské. Těšíme se, že již na nejbližší Besedě bude kroužek účinkovati.

## BOHEMA PROPAGANDA SOCIETO ESPERANTISTA.

Vedeni jsouce snahou, dáti propagaci Esperanta pevný základ, sešli se dne 7. listopadu 1909 někteří přátelé této myšlenky a založili k tomu cíli zvláštní samostatný spolek pod uvedeným jménem.

Po skončení přípravných prací konala se již 2. ledna 1910 valná hromada, na které zvolen za předsedu p. Karel Procházka, jednatelem p. Alexander Zahel. Za krátkou dobu svého trvání vyvinul spolek velmi úspěšnou činnost: Vydal vlastním nákladem propagační list a do 170 českých listů zaslána zpráva, že spolek zasílá za 10hal. známku tento leták a klíč Esperanta žadatelům.

Znovu uspořádána okružní výstavka a půjčena p. uč. J. Jelínkovi do Kuklen k jeho přednášce dne 15. ledna. Všem spolkům zasláno vyzvání, aby věnovaly esperantskému museu po výtisku všech svých publikací a dokumentů, kterých mohou postrádati. Nejdůležitější podnik „Propagandy" jest zahájení pěti kursů v učebně B. U. E. a sice dvou pro začátečníky, pro studující, pro pokročilé a pro učitele Esperanta. Poplatek za kurs (12 hod.) 2 K (studující 30 h). Zvláště na tento poslední kurs upozorňujeme esperantskou veřejnost jako na zajímavou novinku první toho druhu v Rakousku; jím má býti postaráno o dostatek způsobilých sil k vyučování Esperanta a poskytnuta příležitost těm, kteří hodlají podrobiti se vyšší zkoušce z Esperanta, k nabytí vědomostí jmenovitě pokud se týče methody vyučovací. Přednáší p. K. Procházka o správném způsobu úspěšného vyučování, p. E Kühnl o historii, statistice a literatuře Esperanta. Ke konci kursu budou konati účastníci ve veřejných kursech pražských praktické výstupy a cvičení řečnická. — Z přednášek pořádaných „Propagandou" uvádíme tyto: v Kuklenách, v Plzni, v Praze při Zamenhofově slavnostním večeru a před zahájením kursu spolku Akademia Esperanto-Klubo. — „Propagandě" bylo též svěřeno pořádání Besed pražských Esperantistů a předána Unií část agendy vztahující se k zasílání propagačních článků českým redakcím.

## ESPERANTA MOVADO INTER BOHEMOJ.

Neniam ni sentis tiel premantan malsufiĉon de loko en nia revuo, kiel je fino de la pasinta jaro. Multe da sciigoj el ĉiuj kluboj, novaj okazintajoj en la tuta mondo, vico da eldonajoj pritraktotaj, ĉio flue alvenadis al ni, dum ni preparadis la kongresan numeron, kiu nepre devis enhavi kiom eble plej multe da materialo tiom signifa por nia movado! Tiukauze amasiĝis por la nova jarvolumo granda kvanto da „novajoj freŝaj kaj nefreŝaj," ke ni devos nin limigi laŭeble ĉe ilia represado. Niaj legantoj memoras, ke ni recenzadis en la unuaj jaroj ankaŭ artikolojn pri Esperanto, aperintajn en la bohemaj ĵurnaloj; eĉ tiu ĉi rubriko fariĝis nun tiel ampleksa, ke ne estas eble ĉiujn kolektadi kaj noti. De nun ni aludos ĉiam nur tiujn, kies aŭtoroj al ni sendos almenaŭ po unu ekzemplero de la jurnalo kaj kiujn ni juĝos rimarkinde gravaj por niaj legantoj. Ni esprimas al ĉiuj niaj kluboj kaj al amikoj de nia revuo sinceran dankon por iliaj raportoj, esperante, ke ni povos ĝui ilian favoron ankaŭ en la nova jaro. Ni petas, ke ĉiuj oficialaj sciigoj pri la movado en bohemaj landoj estu skribataj sur apartaj folioj kaj adresataj al Esperanto-Kancelario de B. U. E. en Praha II. Vodičkova ul. 38.

En ĉi tiu rubriko ni de nun registrados pli detale sole la sciigojn el novaj, fondataj kluboj. La movado en kluboj malnovaj estos recenzata per cito de ĉefaj okazintajoj, kiel ekz. de malfermataj kursoj, specialaj kunvenoj kaj festoj, fremdlandaj gastoj, ŝanĝoj en komitato (nomoj de prezidanto kaj sekretario) k. s. Tamen ni atentigas, ke ĉiuj kluboj estas petataj sendadi regule sciigojn pri ĉiuj novajoj en sia vivo por la interna organiza kaj statistika laboroj en nia kancelario.

**Liga Bohema Asocio Esperantista** čítala v minulém roce 87 řádných členů; knihovna byla hojně používána zvláště těmi, kteří skládali zkoušky z Esperanta. Knihovníkem zvolen na valné hromadě 28. září m. r. p. Ludvík Henych, učitel ve Strašíně u Žihobce u Sušice, jemuž buďtež veškeré zprávy knihovny se týkající zasílány. Doufáme, že členstvo bude též hojně používati sbírky hudebnin. Do knihovny přibyla díla:

č. 29. Grillparzer - L. E. Maier: *La monaĥejo ĉe Sendomir* (61 pĝ.);
č. 30. Hayes - L. E. Meier: *Edziĝa festo sur Capri* (59 pĝ.)
č. 31. Bölsche - L. E. Meier: *Ama vivo en la naturo* (62 pĝ.);
č. 32. Molière - S. Mayer: *L' Avarulo* (80 pĝ.). Daroval p. T. Zadák;
č. 33. Grabowski: *Nova Antologio* (30 pĝ.). Daroval p. L. Henych;
č. 34. Witterdyck: *Kelkaj floroj esperantaj* (23 pĝ.);
č. 35. Sienkiewicz-Kuhl: *Ni sekvu lin* (61 pĝ.). Daroval p. L. Henych;
č. 36. Raymont - L. Zamenhof: *Ave patria* (32 pĝ.). Dar. p. L. Henych;
č. 37. Kolekto de la Revuo: *La tria* (46 pĝ.).

La Asocio malfermis kurson en politeknika lernejo, gvidatan de s-o E. Kühnl. Nova kurso elementa estas projektata (mardo, vendredo 7—8 vesp.). Kotizajo 1 K (stud. 0·50 K) por „Nadace Skuherského".

Členům nově přistupujícím jest zasílán zdarma odznak, členům nově se hlásícím jest zdarma zasíláno 50 umělecky provedených propagačních nálepek.

**Esperantista Klubo en Praha** elektis en ĝenerala kunveno la 26. I. 1910 kiel prez. s-on prof. dr. V. Rosický, vicprez. Ing. F. Kühnl, sekr. s-on Josef Pech, kas. Boh. Davídek, bibl. Vl. Tobek. La klubo restos por tiu ĉi jaro membro de la „Bohema Landa Ligo por akceli turisman movadon." La biblioteko enhavas jam preskaŭ 500 verkojn. Dum la pasinta jaro estis enskribitaj 190 kotizintaj membroj; jara spezo estis 3500 K. Estis voĉdonita por la „Propagando" jara donaco de 20 K, por la esperanta kancelario 36 K. — **„Stelo de Espero" en Praha,** kies sidejo estas de nun en Vodičkova ul. 38., gajnis por nia afero la gimnastikan societon Sokol en Nusle kaj aranĝis en ĝia domo publikan paroladon (s-o K. Procházka) pri Esperanto, ĝia signifo por la bohema nacio kaj por la komerco. Kurso malfermita de s-o arch. Kučera gajnis sufiĉe da adeptoj por la fondota klubo. *La 26. II. (sabato) oka os en la Nacia Domo de Nusle I. Amika Vespero,* kiu estos tre taŭga okazo por la loka propagando. Sur la programo kantoj, deklamajoj, danco. — **Akademia-Esperanto Klubo:** Kurso por studentoj de altaj lernejoj (sabato 7—8 h vesp.) malfermita per parolado de s-o K. Procházka la 23. I. okazas en Vodičkova ul. 38. — **Studenta Rondeto** Esperantista elektis en ĝen. kunveno (13. X. kafejo

„Union“) prez. s-on Jokl, sekr. s-on B. Krčmář. Sidejo: Vodičkova ul. 38. Kunvenoj kaj kurso: dimanĉon matene. — Klubo de Bohemaj **kelneroj-Esperantistoj,** fondita la 13. VIII. elektis s-on J. B. Janota prezid., s-on A. Polák sekr. Specialan kurson de s-o K. Procházka oni sekvas kun intereso. La klubo preparas adresaron de samprofesianoj kaj eldonon de esperanta receptaro por ĉiunaciaj manĝajoj. Ĝi volas ankaŭ kolekti per Esperanto manĝajkartojn kaj menuojn ĉiulingvajn el la tuta mondo, por ke ĝi povu laŭ tiu ĉi materialo elverki terminaron kulinaran kaj aranĝi ekspozicion. Ĉiu samideano, kiu helpos en tiu ĉi laboro, estas bonakceptota kaj lia konsilo ŝatota. — En **Karlín** estis fondita la 3. XI. Studenta Rondeto Esperantista celanta la propagandon kaj instruadon per kursoj (merkredo 4—5, Palackého tř. „U bílého lva“) kaj biblioteko. — Laborista Klubo en **Praha VII.** malfermis senpagan kurson en rest. „U krále Václava“ (Belerediho tř.) post parolado de s-o Procházka, kiu havis lokon en la ĉambro de gimnastikejo Sokol. Ĉiun dimanĉon posttagmeze okazas konversaciaj kunvenoj. La kurson gvidas s-o Procházka. (Prezid. s-o V. Zvoníček.) — Kurson de Esperantista **Grupo en Král. Vinohrady** vizitas 15 lernantoj. — Klubo en **Praha VIII.** elektis en sia gen. kunveno (4. VIII.) kiel prez. s-on V. Procházka, vicprez. s-on A. Žák, sekr. s-on Jos. Sídlo, kas. s-on J. Novák. El kurso gvidita de s-o V. Čánský eliras vico da perfektaj Esperantistoj; nova kurso estas projektata. Kunvenejo: „U Maletínských“, Král. tř. (Merkredo). *La klubo dissendas invitkartojn al Amika Vespero okazonta la 17. II. en domo de „Merkur“.* La bone elektita programo sendube kunvenigos multajn gastojn el la tuta Praha. — Senpagan kurson anoncis Esperantista **Klubo en Žižkov,** kiu estis malfermita de prez. s-o Ing. Sitko la 8. X. en hotelo Suchý. Samtempe okazas kurso por progresintoj. Per belaj kartoj invitis nin la klubo al sia unua amika vespero, kiu okazis la 6. I. en ĝia sidejo. Bela amuzo kaj profito por la kaso de B. U. E. estis kontentiga rezultato de la multvizitita festo. — Tre valoran moralan subtenon ricevis nia B. U. E. per la fondigo de du novaj fortaj kluboj en la sama tempo: En antaŭurboj **Král. Vinohrady** kaj Smíchov, kiuj havas po okdek miloj da loĝantoj, estis fonditaj antaŭ fino de jaro 1909 de laboremaj samideanoj novaj centroj. La unua atentigis pri sia fervora laboro per parolado de s-o Hradil, okazinta la 31. X. en la Nacia Domo. La sama gvidis poste kursojn kun s-o Procházka en la sidejo de klubo en Hálkova ul. 35. (ĵaŭdo, vendredo). Samloke okazis la 20. XI. Amika Vespero vizitita de multaj membroj de ceteraj kluboj el Praha. Bonsukcesa vespero soleniganta la 50-an datrevenon de nia Majstro havis tie lokon la 15. XII. Pri vivo kaj la verko de Zamenhof parolis s-o J. Hradil. La 12. XII. oni aranĝis ekskurson esperantistan al Strašnice. La unuaj fremdlandaj gastoj, kiuj salutis la novan klubon estis s-oj prof. Simon el Wien, prof. J. Havelka el Leipzig, Poĉigarzov el Bulgarujo kaj prof. Vas. P. Metaksa el Tiflis. De nun estas sidejo de klubo en la kafejo „Brezinka“. Ĉi tie okazas la lundaj membraj kunvenoj kaj konversacia kurso kun bela programo. Generala kunveno elektis kiel prezidanton s-on Rud. Saxl, sekr. s-on Rud. Brotan. — Kiel dua efiklabora centro sin anoncis la Esperantista Klubo en **Smíchov,** kies generala kunveno okazis la 21. IX. en restoracio de la Nacia Domo. La sama estis ankaŭ elektita kiel sidejo de klubo, kaj kiel reprezentacia loko por la novembra Besedo de B. U. E. en la pasinta jaro. La 16. XII. aranĝis la klubo erudi-

vizititan Zamenhofan feston, ĉe kiu parolis pri la jubileulo s-o rev
G. Kratochvíl. En la kluba ĉambro kaj en la urba lernejo estis
malfermitaj kursoj kondukataj de s-oj Jar. Rohan (ĵaŭdo) kaj Alex.
Zahel (mardo, vendredo). Prezidanto: s-o rev. Gust. Kratochvíl.
sekr. s-o Jos. Kalina. — De post la kongreso estis laborite je
starigo de klubo en **Roudnice nad Labem.** Niaj sinceraj amikoj s-oj
O. Klán kaj R. Kudera ĉiuforte klopodis inter la lokaj societoj
pri tio, ke por la afero estu preparita firma bazo. Hodiaŭ, post
kvaronjaro da sincera laboro povas jam fiere bohemaj Esperant-
istoj montri al nova centro, kiu disvolvis plentorte la propagandan
agemon precipe per artikoloj publikigataj en speciala rubriko de
semajna gazeto „Podřipan“ kaj redaktata de s-o Kudera. La pre-
para komitato (s-oj J. Rozbořil, O. Klán, O. Kejř, kaj R. Kudera)
elektis por la merkredaj kunvenoj gastejon „U Hedánků“ en Řipská
ul. Plezure oni konstatis, ke ankaŭ el ĉirkaŭaĵo venis jam multaj
samideanoj, kiuj promesis kunlabori en la nova klubo; por ili
okazas specialaj kunvenoj ĉiun dimanĉon. Danke la ageman
laboron de la klubo estis ebligita la plej grava kondiĉo propa-
ganda, — la publika parolado anoncita per afiŝoj kaj specialaj
invitoj la 19. XII. en hotelo Stará Pošta. La multvizitita parolado
de s-o Procházka havis tre bonan rezultaton: hodiaŭ aliĝis jam
50 membroj. Generala kunveno okazis la 15. I. t. j. — Antaŭ la
kongreso informis la komitato de Esperantista Klubo en **Plzeň**
la urban konsilantaron pri nia lingvo per klariga letero kaj re-
komendis la aferon al ĝia atento. La kongresaj afiŝoj multnombre
estis elmetitaj en la stacioj de la ŝtata fervojo. La Zamenhofan
jubileon solenis la klubo la 7. XII. en Řemeslnická Beseda: pri
vivo de Zamenhof parolis s-o K. Procházka el Praha. En nomo
de B. U. E. partoprenis s-o Kühnl. La programon de la vespero
heligis s-o Suda, la konata komponisto de nia himno, s-oj Port
kaj Slunečko, la kantista grupo de Dělnická Beseda kaj la kapelo
de aŭtonomiaj oficistoj. Senpaga kurso pri Esperanto estis mal-
fermita la 29. X. en la sidejo de klubo. La komitato jam ektraktis
kun nia Centra Asocio pri la bezonaj preparoj por la II. kongreso
bohema, okazonta, kiel konate, tiun ĉi jaron en Plzeň. La gazeto
„Plzeňské Listy“ aperigis tradukon de Zamenhofa letero pri la.
deveno de Esperanto (el plumo de s-o Vlasák). — Ne malpli vigla
estas la movado en **Železný Brod**, kie okazas de post la ĝenerala
kunveno (31. XII.) ĉiusemajnaj kursoj en la urba domo kondukataj
de s-o J. Šilhart el Trutnov. La kursoj komenciĝis la 12. XI.
Bonvenanta kaj bonakceptita estis la rondiranta ekspozicio. —
La komitato de Esperantista Klubo en **Vsetín** informadis regule
pri la kongreso redakciojn de „Pozor“, „Haná“, „Palacký“ kaj
„Noviny pod Radhoštěm“. La 17. XI. estis malfermita la tria kurso
pri Esperanto La 19. XII. festenis la klubo jubileon de nia Majstro
per Besedo kun muzika kaj deklama programo La vesperon
partoprenis amikoj el Rožnov kaj Valašské Meziříčí. Pri Zamen-
hof parolis s-o direktoro Zlámal. La sama paroladis pri Esper-
anto en Velké Karlovice la 6. I. — Klubo en **Český Brod** elmontris
ĉe agronomia ekspozicio, vizitita de samideanoj el Praha, kolekton
de esperantaj verkoj. La 28 I. okazis ĝenerala kunveno, kiu elektis
kiel prez. s-on A. Podlipný, vicprez. s-on B. Pešek, sekr. s-on Marčík.
Deklecionan kurson vendredan gvidis s-o K. Procházka el Praha.
— Prezidanto de Esperantista Klubo en **Trutnov** s-o J. Šilhart
instruas en Stará Paka, Lhota Šárová kaj en Železný Brod. Baldaŭ
li parolos en Náchod. — Klubo en **Kukleny** aranĝis la 13. XI. belan

vesperon, ĉe kiu parolis pri Esperanto el nacia vidpunkto s-o K. Procházka. Sukcesan rezultaton de tiu ĉi festo helpis afable la lokaj kantistaj societoj „Libuše“ kaj „Vlastimil“. Inter la partoprenintoj estis lote disdonitaj kelkaj ekz. de Ilustrita Gvidlibro Praha. Prezidanto de klubo s-o J. Jelínek nin sciigas, ke lia propaganda laboro montras jam en Hořice kontentigajn rezultatojn — Klubo en **Písek** glorigis la jubileon de Zamenhof la 16. XII. per festo en hotelo „U Zlatého Kola“, ĉe kiu okazo parolis pri vivo de nia Majstro s-o Kühnl. — En **Hradec Králové** okazas regule la semajnaj kunvenoj en restoracio „U Hiršlů“. Ĝen. kunveno elektis s-on Jan Michálek prezid., s-on V. Pražák sekr. — Kurson, kiun malfermis la 6 X. en sia sidejo „na Rychtě“ la Klubo en **Č. Budějovice,** vizitas 30 lernantoj. Alia kurso okazas en restoracio „U města Krumlova“. Instruas s-oj F. K. Svačina kaj Ant. Jakeš. De la 11. XII. instruas s-o Svačina en la bohema virina industria lernejo. En la distrikta ĝenerala kunveno de instruistoj li parolis kun tre bona rezultato pri la signifo de Esperanto por lernejo. La parolado estis represita en „Budivoj“ kaj „Zahrada Domácí a Školní“. Ankaŭ „Jihočeské Listy“ enhavis kelke da artikoloj pri nia movado. — En Suché Vrbno u Budějovic preparas kurson s-o F. Veselka. — S-o J. Jeřábek, prezid. de klubo en **Praskačka** malfermis dum sia militservo en Vysoké Mýto kurson, kiun sekvis 40 soldatoj. — Pluaj kursoj okazis en **Tábor** (dufoje semajne en la hotelo Amort), kie la ĝenerala kunveno 14. XI. aprobis la titolon: Klubo Esperantista en Tábor. — En **Kardašova Řečice** instruis dum la libertempo s-o Ligi Lustig en ĉambro, donita je lia dispono de la urbestraro. Post la ĝen. kunveno de Esperantista Rondeto en **Soběslav** la 14. XI. parolis pri signifo de Esperanto s-o J. Rys, pri la esperantaj kongresoj s-o F. J. Lintner. Ĉiusemajne okazas kurso. — Post la ĝen. kunveno de Klubo en **Mladá Boleslav** (13. X.) estis malfermita kurso de s-o J. Moucha (mardo, merkredo). — Esperantista Klubo en **Vieno** sukcese anoncis en la gazetoj bohemaj oftajn artikolojn kaj noton pri la dissendado de ŝlosiloj. La 8. X. estis malfermita kurso en la kluba sidejo; alia kurso en la X. distrikto estis malfermita la 24. X. por membroj de la societo Lassal. Ambaŭ gvidas s-o K. Macháček, prezidanto. Festan kunvenon, kiu okazis la 15. XII. en la kluba sidejo partoprenis delegitoj de la germanaj societoj. Pri la verko de nia Majstro parolis s-o A. Koutník. — En **Olomouc** laboras pri starigo de klubo s-o dr. Jos. Kubíček. — Sama sciigo venas el **Golčův Jeníkov** de s-o dr. Jos. Sedláček. — En **Telč** (Moravio) instruas 50 lernantojn s-o prof. Kasalý en kurso, kiun malfermis je iniciato de s-o K. Frám la societo Akademický Spolek. — En **Německý Brod** (s-o f. instruisto Filip), en **Lipník**, en **Vlachovo Březí** (s-o f. instruisto Mik), en **Nový Bydžov** (s-o St. Balík), en **Dolní Krupá** kaj en **Vítkovice** (Moravio) okazas kursoj. En la lasta okazas ankaŭ kurso supera. En Moravská Ostrava kunvenas samideanoj polaj, bohemaj kaj germanaj en restoracio „Kočí“.

Ni ricevas interesan sciigon, laŭ kiu oni povas juĝi pri la facileco de Esperanto: „En Jinec mi trovis samideanon s-on Jos. Chramosta, kiu malgraŭ aĝo de 79 jaroj diligente studas nian lingvon kiel memlernanto.“ (Kiom da fojoj ni aŭdis vortojn — Mi estas jam maljuna por lerni!)

# JAZYKOVÝ RÁDCE — LINGVA FAKO.

Opravdoví přátelé Esperanta nespokojí se pouze tím, co v kursech vyučovacích bylo jim řečeno nebo co v učebnici četli o bohatosti a ohebnosti našeho jazyka, upřímní jeho stoupenci snaží se sami vniknouti do zajímavé tvorby slov a osvojiti si vhodné obraty dle vzorů našich nejlepších autorů. Nalézají pak vskutku Esperanto tím geniálnějším dílem, čím lépe je ovládají, čím hlouběji vnikají do jeho bohaté literatury. Neopomeneme nikdy v kursech nabádati ke s t u d i u Esperanta, které samo vzbudí v žáku úctu a lásku k jazyku. Doporučujeme postupovati při studiu Esperanta právě tak, jako je tomu při jazycích živých. Použijte každé příležitosti, kdy můžete s někým hovořiti a čtouce, zaznamenávejte jednotlivá slova i obraty; znovu upozorňujeme na překlad „Babičky“ (v příloze), který budiž čten s českým originálem v ruce!

Nejednou byli jsme dotazováni na různé vysvětlivky slovníkové i mluvnické. Odpovídali jsme vždy soukromě, s případným poukazem na učebnici. Uznáváme však, že mnohé odpovědi měly by cenu i pro ostatní čtenáře, neboť mnohdy s různých stran obdrželi jsme stejné dotazy. Z té příčiny obohatíme obsah naší revue o novou stať, v níž budeme odpovídati na jazykové otázky povšechně zajímavé, uveřejňovati dvojjazyčné texty cvičebné, vypisovati literární konkursy a upozorňovati na význačná místa v dílech našich předních autorů. (K tomu cíli zvolili jsme povídku „Marta“ od Elizy Orzeszkové uveřejňovanou v překladu dr. L. L. Zamenhofa v „La Revuo“).

Veraj amikoj de Esperanto ne kontentiĝas sole per tio, kio estis al ili dirita en la instruaj kursoj aŭ kion ili legis en la lernolibro pri la riĉeco kaj fleksebleco de nia lingvo, ĝiaj sinceraj partianoj mem klopodas penetri en la interesan vortkonstruadon kaj proprigi al si taŭgajn frazturnojn laŭ modeloj de niaj plej bonaj aŭtoroj. Ili trovas tiam Esperanton vere tiom pli genia verkajo, ju pli bone ili ĝin posedas, ju pli profunden ili penetras en ĝian riĉan literaturon. Ni neniam forgesos en la kursoj instigi al s t u d a d o de Esperanto, kiu sola vekos en la lernanto estimon kaj amon al la lingvo. Ni rekomendas progresadi ĉe studado de Esperanto tute same, kiel ĝi estas ĉe lingvoj vivaj. Uzu ĉiun okazon, kiam vi povas paroli kun iu kaj legante, notu apartajn vortojn kaj frazturnojn; denove ni atentigas je traduko de „Babička“ („Avineto“ en aldono de Č. C. E.), kiu estu legata kun bohema originalo en la mano!

Neunufoje ni estis demanditaj pri diversaj klarigoj vortaraj kaj gramatikaj. Ni respondadis ĉiam private, atentigante laŭokaze je lernolibro. Sed ni trovas, ke multaj respondoj estus valoraj ankaŭ por la ceteraj legantoj, ĉar nemalofte de malsamaj flankoj ni ricevis la samajn demandojn. Tiukaŭze ni riĉigos la programon de nia revuo per nova fako, en kiu ni respondados la lingvajn demandojn generale interesajn, publikigados dulingvajn tekstojn, anoncados literaturajn konkursojn kaj atentigados je rimarkindaj lokoj en verkoj de niaj eminentaj aŭtoroj. (Por tiu celo ni elektis la rakonton „Marta“ el „La Revuo“).

Respondo 1. *Jaký význam má užívání dvou předložek v Esperantu, kladených vedle sebe a jak se překládají?* Na př.: *De post* tiu tempo. — Viz ve „Fundamento de Esperanto" § 26. větu 11.: *El sub* la kanapo la muso kuris sub la liton kaj nun ĝi kuras sub la lito. *Z pod* pohovky myš běžela pod postel a nyní běhá pod postelí. *El kanapo* z pohovky, *sub kanapo* pod pohovkou. Někdy v překladu váže se druhá předložka se slovem následujícím v nový výraz: *el post la kulisoj* — ze zákulisí. *Li levis la kapon de super la libro* Zdvihl hlavu od knihy. *De post tiu tempo pasis jam multe da jaroj.* Od té doby minulo již mnoho let. V češtině užíváme při překládání většinou jedné předložky: ve dvou posledních příkladech *od.* Ačkoliv samo *de* značí též *od* (př. *de vi* od vás), použijeme druhé předložky k bližšímu definování místa *(super)*, času *(post)*.

Respondo 2. *Tvary: honicí, krášlicí, cídicí, kreslicí a mn. j. na rozdíl od tvarů honící, krášlící, cídící, kreslící vystihuje i Esperanto velmi dokonale* Přechodník: honící pes, t. j. pes, který teď honí, přeložíme: *ĉasanta hundo* t. e. hundo, kiu nun ĉasas. Přídavné jméno honicí, t. j. pes, kterého potřebujeme k honu, překládáme *ĉasa* nebo spíše ve spojení se substantivem (jako v němčině) *ĉashundo*; rovněž správný jest překlad *hundo por ĉaso.* (Podobně: *beliga, puriga. desegna kreto, kreto por desegno, por desegni: beliganta, puriganta, desegnanta lernanto,kiu desegnas).* Srov.: *sidanta persono; sida pozo.*

Respondo 3. *Jak překládá se do Esperanta věta „mám s ním jíti" na rozdíl od věty „musím s ním jíti."* Druhou větu přeložíme: *Mi devas iri kun li. (Devo* = nutnost, povinnost; musím t. j. jsem povinen, *mi devas).* Mám s ním jíti: *mi estas ironta kun li.*

(Viz příklady: Methoda Kühnlova str. 63.).

**Marta:**

„La Revuo" N-o 26.: *La malsano ne cedas per helpo de la recepto.* Nemoc neodchází receptem. *Incensado pro lia honoro.* Vykuřování na jeho počest. — *Nia destino estas ami iun el la sinjoroj de la kreitajaro.* Našim údělem jest milovati některého z pánů tvorstva. — *Li metis sur la fingron la edzigan ringon.* Navlékl na prst snubní prsten. — *Kaŭze de tio . . .* (tiukaŭze, tial, pro tio). — *Aldoni ingrediencon al recepto* Přidati k receptu přísadu. — *Vivoplena strato.* Živá ulice. (hruoriĉa, movoplena - rušná, multehoma - plná lidu). — *Knabineto alkroĉiĝis al ŝiaj manoj, kiuj pendis velke.* Dívka zavěsila se na její ruce, které uvadle visely. — *Oni malfermis en la plena larĝo la pordon* Otevřeli dokořán dvéře (plenlarĝe). — *Ili elrigardis sur la korton* Vyhlíželi, na dvůr. — *Larme malsekaj okuloj.* Uslzené oči (postploraj okuloj - uplakané oči). *Eksteriĝi el veturilo,* vystoupiti z vozu. — *Ordofari liton.* Upraviti postel (reordigi). — *Ordometi telerojn* urovnati talíře. — *Estos sufiĉe por ĉirkaŭ du semajnoj.* Bude dosti as na dva týdny. — *Blovekscitadi la fajron.* Rozdmychovati oheň. — *Plorĝemi.* Vzlykati. — *Rigardi returne.* Dívati se pozpátku (returnen - nazpět). — N-o 27.: *Infano endormiĝis.* Dítě se uspalo (ekdormis - usnulo). — *Apogi la kapon sur la manplato.* Opříti hlavu na dlani; (porovnej: apogi al, kontraŭ, per, sur, je). — *Elmetita al la volo de la sorto.* Vystaven vůli osudu. — *Virino popolamasa.* Žena z lidu. — *Li forte jetfermis la pordon.* Silně zabouchl, přirazil dveře. — *Tremi per la tuta korpo.* Třásti se na celém těle. — *Glitiga strato* Kluzká ulice. — *Fenestroj cirantaj sur korton* (jinde: la fenestroj donas vidon al korto). — *Solinfano.* Jedináček. — *Vizaĝo kontraŭ vizaĝo.* Tváří v tvář. — *Senborda soleco.* Bezmezná osmělost. — N-o 28.: *Apenaŭ ŝi pasis dek-*

*kelke da ŝtupoj.* Sotva překročila o několik více než deset schodů. — *Vestita penplene.* Oblečen pečlivě. — *Havi memfidan teniĝon.* Míti sebevědomé vystoupení. — *Labori super muziko.* Pracovati na hudbě. — *Ĉambro lumita de du fenestroj.* Pokoj osvětlený dvěma okny. — *Renkonte (al)* Vstříc (komu). — *Oficperistino inter tiuj personoj kaj la publiko* (ofic - per - ist - in - o, sprostředkovatelka - kiu peras la oficon). — *Sindetena.* Zdrželivý. — *Laborenspezi.* Vydělati (laborgajnio). — *Antaŭlonge pasinta modo.* Dávnominulá moda. — *La starejo elŝoviĝas el sub ŝiaj piedoj.* Ztrácí se jí půda pod nohama. — *Atesto de trapaso de lernejo.* Výkaz o návštěvě školy. — *Ŝia elparolado ne prezentis gravajn dekliniĝojn.* Její výslovnost neukazovala hrubých odchylek. — *Grado de via artisma klereco.* Stupeň vašeho uměleckého vzdělání. — *Ŝiaj fingroj perdis la ekzercitecon.* Její prsty ztratily cvik. — *Marta forleviĝis de la fortepiano.* M. zdvihla se od piana. *Ŝi faris facilan kapsaluton.* Pokynula mírně hlavou. — N-o 29.: *Marta ne hezitis eĉ unu momenton.* M. nezdráhala se ani okamžik. — *Ŝi nur pase aŭ preterfluge ion aŭdis pri tio.* Jen mimochodem nebo letmo něco slyšela o tom. — *Se vi lokumus ie vian filineton.* Kdybyste umístila někde svou dcerušku. — *Laborante super mi mem, mi kompletigus miajn sciojn.* Pracujíc na sobě samé, doplnila bych své znalosti. *Mi ne havas tiel grandajn pretendojn.* Nemám tak velikých požadavků. — *Se vi scias pentri, tio poras iom utili al vi, tamen multe malpli, ol kiom utilus lerteco en muziko.* Umíte-li malovat, to může vám poněkud býti k užitku, přece mnohem méně než pokud by byla k užitku zručnost v hudbě. — *Tiom same da talento.* Právě tolik nadání. — *Ili ricevas rilate bonegajn lokojn.* Dostávají poměrně výtečná místa (relativně). — *Parolarda langeto.* Povídavý jazýček. — *Akirlaboro.* Výdělková práce. — *De post la tempo.* Od času.

# VIRIBUS UNITIS.

Nenie estas tiel akre sentata bezono de la helpa lingvo internacia, kiel en la poliglota Aŭstrio, kiun pro ĝia multlingveco oni prave nomas mikrokosmo. Tial ne estas mirinde, ke ideo de esperantismo trovas en nia monarĥio la plej fruktopromesan kampon. Plej frue Bohemoj eksemis esperantan semon inter sia nacio, kaj nun ankaŭ Germanoj (Dajĉoj ?) kaj Poloj „forte staras por nia sankta afero". En lasta tempo laŭtiĝis voĉoj pri komuna laboro de aŭstriaj Esperantistoj: „Ni bataladu kune tenataj."

Ni plene konsentas, kaj trovante la tempon konvena, ni esprimas nian opinion pri tiu ĉi demando. Absolute ne estis konsilinde centralizi la propagandon en fondota ia aŭstria ligo, kiu cetere estus malfacile realigebla konsidere jam la neebleeon de interkonsento pri administracio kaj precipe pri sidejo. Kiel do estas solvota tiu ĉi problemo, por ke *al ĉiu nacio estu garantiata absolute memstareco kaj egalvaloro kun la ceteraj nacioj ?*

Ni proponas imiti la manieron, laŭ kiu Aŭstrio kaj Hungario plenumas komunajn aferojn: **per delegitaro.** Ĉiu nacia centra asocio, kaj kie ĝi ne ekzistas, ĉiu grava societo elektu reprezent-

antojn, kiuj de tempo al tempo kunvenadus ĉiam en alia urbo kaj interkonsiliĝadus pri komunaj aferoj, ekz. pri enkonduko de Esperanto en lernejojn, pri *justa* reprezentado de aŭstriaj Esperantistoj antaŭ fremdlando, precipe ĉe la internaciaj kongresoj esperantistaj k. t. p. La petskribojn prezentotajn poste al centraj ŝtataj oficoj subskribu ĉiu intertraktinta centra asocio resp. societo *kiel memstara, sendependa organizaĵo.*

Sole per manko de tia interkonsento klariĝas, ke niaj german-aŭstriaj amikoj m a l p r a v e nomis sian gazetkovrilon „Aŭstria Esperantisto", kiu titolo povas en la eksterlando veki la ŝajnon, kvazaŭ „aŭstria" kaj „germanlingva" estus ideoj identaj!! Ĉu sinjoroj en Vieno opinias, ke Bohemoj, Poloj, Rutenoj, Kroatoj, Slovenoj, Italoj ne estas „Aŭstrianoj"? Neniu nacilingva revuo eliranta en Aŭstrio havas la rajton sin nomi „Aŭstria", krom se ĝi estus pure esperanta kaj redaktata de ĉiuj aŭstriaj Esperantistoj, ne sole de la germanlingvaj. *Oni bone memoru, ke Esperanto povas interfratigi la popolojn, sed sole sur bazo de justeco.*

*Kaj la justecon ni ne timas!*

Pax hominibus bonae voluntatis!

# BIBLIOGRAFIO.

**L. L. Zamenhof: FUNDAMENTO DE ESPERANTO.** Tradukita laŭ la permeso de la aŭtoro de Eduard Kühnl, red. de „Časopis Českých Esperantistů". Eldono bohema. Verkaro de Dr. Zamenhof. **Praha: Librejo de F. Topič.** Paris: Librejo de Hachette. XI. 91 pĝ. (11 × 17). **Prezo 1 K.**

Žádná kniha vydaná v české literatuře esperantské neměla dosud takového významu jako tento překlad Zamenhofova Základu Esperanta, v němž obsaženo vše, co zajišťuje jazyku jednotu a pravidelný rozvoj, neboť uvádí takořka zákony, jichž musí každý šetřiti. Základem jazyka jest Mluvnice obsahující 16 známých pravidel str. 1.—8. Cvičebnice (Ekzercaro) str. 49.—91. a Universalní slovník str. 9.—48. Cvičebnice jest rozdělena na 42 paragrafy, v nichž jsou uváděny nové významy s národními překlady k usnadnění studia. Ukázkou četby jest souvislý článek La Feino (Víla) se slovníkovými vysvětlivkami. Jest právem vyžadovati, aby tato kniha byla v ruce každého Esperantisty, neboť jest vodítkem ve všech zásadních otázkách jazykových. Vědomí významu, jejž toto dílo má, můžeme očekávati, že v nejbližší době dojde k novému jeho vydání. (Dosud vyšel Základ Esperanta v překladu francouzském, anglickém, německém, ruském, polském, španělském, italském, řeckém, rumunském, českém a maďarském.)

**Kalendaroj por 1910.**

Esperantista Poŝkalendaro 1910, redaktita de prof. Siegfried Lederer. Esperanto-Verlag Möller & Borel, Berlin S. W. 68. — 252 pĝ. 10½ × 16. Prezo 1 K (Sm 0·40). La tria eldono de tiu ĉi bone konata verko estas plej zorgeme redaktita; kiel kutime ĝi enhavas krom dataro kaj praktikaj tabeloj liston de esperantistaj grupoj, delegitoj, hoteloj ordigitaj laŭ kontinentoj, landoj kaj urboj. La libreton ornamas portreto de eminenta franca scienculo generalo Sebert, la dankinda meceno esperantista. (Ni atentigas, ke la pasintan jaron la kalendaro estis elĉerpita!)

Kalendaro por la ripetado de lingvoj: esperanta, franca, germana, angla. Verkita de s-ino Frieda Döninghausen kaj f-ino H. de Chalmot. 53 folioj 21 × 32 deŝireblaj. Eld. Döninghaus & Co. Köln a. R. Lindental. — Prezo: Sm 0·70 (K 1·70). La kuraĝa entrepreno meritas esti subtenata de ĉiu samideano: per ĝi multe estos helpite al diskonigo de Esperanto inter tiuj, kiuj aĉetos la kalendaron por ceteraj tri lingvoj. Bona ideo estas, dividi la materialon po negrandaj 2—5 frazaj partumoj prezentataj kiel ĉiutaga leciono; la diligentaj lernantoj trovos praktikajn tekstojn, kies parkeran scion ili povos utile apliki en la vivo. Ni varme rekomendas la eldonaĵon kaj ĝojos, se la eldonisto trovos sian laboron rekompencata per atento de Esperantistoj.

Esperantista Murkalendaro por 1910. Folietoj forŝireblaj 8 × 12, fiksitaj sur trikolora tabulo 25 × 32 (alegorio?) enhavas antaŭflanke la julianan kaj gregorianan datarojn, rememorojn, proverbojn, devizojn, spritaĵojn k. a., dorsflanke belajn literaturaĵojn de diverslandaj Esperantistoj. Prezo afr. Sm 0·60 (K 1·45). Eld. J. L. Bruijn, Haag, 170. Kepplerstraat, Nederlando. Esperanta murkalendaro estas nepre bona propagandilo, estante rigardata de multaj homoj kaj ni opinias, ke ĝi faros tre bonan servon en multvizitataj kancelarioj, restoracioj k. t. p. ne sole kiel datinformilo, sed ankaŭ kiel ĉiutaga poresperanta reklamo.

Poŝkalendaro 1910. Eld. de J. H. Fried, Edinburg, Bristo Place, Skotlando 7·5 × 13. Prezo 25 sd (3 int. resp.-kup.). La 132-pĝ. libreto enhavas krom la dataro plenan nomaron de delegitoj de Universala Esperanto-Asocio kaj internacian kaj universalan montabelojn.

Esperantista Dokumentaro: *Kvara Universala Kongreso de Esperanto en Dresden 1908* (195 pĝ. 16 × 25). Prezo 2 Fr. Paris. Esp. Centra Oficejo. 51. rue de Clichy. La verko enhavas raportojn pri la preparo de la kongreso, oficialan protokolaron kun aldonoj, nomaron de kongresistoj, protokolojn de specialistaj kunvenoj kaj raporton pri festoj kaj ekskursoj. Tiu ĉi historie valora libro estas plua dokumento al triumfa progresado de nia

afero. Sur tiu ĉi loko estas ankaŭ citinda alia grava publikaĵo eldonita la pasintan jaron de Centra Oficejo: *L' Esperanto et les institutions publiques.* Recueil de documents authentiques concernant la diffusion de la langue internationale Esperanto. Documents en langue française. Prezo Fr. 1·25 (62 pĝ. 21 × 27). — W. Velten kaj R. Richter: *Lexikon deutscher Redensarten* bearbeitet und in Esperanto übertragen (202 pĝ. 11 × 17). Prezo 3 M. Eld. F. E. Boden; Dresden. La kolekto enhavas je 3000 germanaj-esperantaj frazoj praktike ordigitaj laŭ alfabeta ordo de ĉefaj vortoj. Precipe rimarkinda kaj ŝatota estas la malsama maniero, kiel oni tradukas en Esperanton la samajn, sed diverssencajn esprimojn kaj terminojn. Ĝi estas unu el la plej bonaj libroj de sia speco. — Lingvo internacia Esperanto: *Lernolibro por Turkoj* (16 pĝ. 11 × 17). Prezo 20 ctm. Hachette & Cie, en Paris. — Sergius Winkelmann: *Der Esperantismus* (79 pĝ. 15 × 23). Prezo 1 M. Esperanto-Verlag Möller & Borel en Berlin. La broŝuro estas revuo pri la ĝisnunaj laboroj de Esperantistoj, pri la kongresoj, literaturo kaj nuna disvastiĝo de Esperanto. — *Oficiala Jarlibro de Universala Esperanto-Asocio* (U. E. A.). Dua eldono. 3-a serio. Majo 1909. (95 pĝ. 11·5 × 16·5). Prezo: Sm. 0·25 (60 hel.). — Jos. Paluzié Lucena: *Sesdek Ŝakproblemoj* (135 pĝ. 15 × 20). Prezo nemontrita. Eld. Filoj de Paluzié en Barcelona. Kolekton da sesdek interesaj problemoj akompanas ĝiaj solvoj, poste vortareto de la teknikaj terminoj por ŝakludo kaj fine bona artikolo traktanta pri signifo de Esperanto por ŝakludantoj laŭ vidpunkto de bezonaj tutmondaj rilatoj. Tiu ĉi lasta parto estas tradukita en lingvojn hispanan, italan, francan, anglan kaj germanan. — Danica-Bedekovic-Pobjenička: *Esperanto - Hrvatski rječnik* (294 pĝ. 11 × 16·5). Prezo 4 K. Eld. Društvo hrvatskih esperantista en Zagreb. Ni admiras la rapidan aperadon de esperantaj libroj por Kroatoj kaj ni gratulas amike al eldono de la suprecitata vortaro. Prave povas Kroatoj fieri, ke ilia propagando estas tiel efika danke la senlacan laboron de unuaj pioniroj. — Edmond Privat: *Ĉe l' koro de Eŭropo.* Mallonga resumo pri la internacia rolo de Ĝenevo en la historio de moderna tempo (21 pĝ. 13 × 20). Prezo 20 Sd. Eld. Atar, Corraterie 12. Genève. Okaze de la jubileaj festoj en jaro 1909 eldonis la lokaj esperantistaj grupoj belan verketon, kies aŭtoro traktas pri kelkaj historie gravaj okazintaĵoj, kiuj famigis la urbon, unuavice li aludas vivon de Calvin kaj Rousseau. — E. Orzeszko: ***Bona Sinjorino***, trad. Kabe. N-o 3. de Esperanta Biblioteko Internacia (51 pĝ. 10 × 14·5). Prezo 10 Sd. Berlin. Esperanto-Verlag Möller & Borel. Kiel N-o 4. de tiu ĉi bela kolekto eliris ***Rusaj Rakontoj*** trad. de N. Kabanov (43 pĝ.). N-o 5. ***Don Kiĥoto de la Manĉa en Barcelono***, trad. F. Pujulà y Vallès. (5 ĉapitroj). N-o 6. ***El la Biblio*** (elektitaj ĉapitroj de la Psalmaro, Sentencoj de Salomono kaj Predikanto), trad. Dr. L. L. Zamen-

hof. N-o 7. *El Dramoj* (Fragmentoj el Ifigenio en Taŭrido kaj La Rabistoj), trad. Dr. L. L. Zamenhof. N-o 8. *El Komedioj* (Fragmentoj el La Revizoro kaj Georgo Dandin), trad. Dr. L. L. Zamehof. Prezo de ĉiu n-o 10 Sd. Ni estas konvinkitaj, ke multaj samideanoj ŝatos tiun ĉi bibliotekon pro la bela enhavo kaj nealta prezo de oportunaj poŝformataj volumetoj. (10 Sd = 24 h).

**KORESPONDANTOJ.** La adresoj estas represataj **senpage.** *Ni petas ĉiujn redakciojn*, ke ili atentigu pri tio en siaj revuoj. Oni sendu sian adreson legeble skribitan sur ilustrita poŝtkarto kaj aldonu, pri kio oni deziras korespondi! — Uzataj mallongigoj: il. k. — ilustrita karto. p. m. — poŝtmarkoj, tuj resp. — tuj respondos.

Fremdlandaj instruistoj de Esperanto! Se vi volas trovi por Viaj lernantoj bohemajn korespondantojn, uzu ĉi tiun okazon!

*1. S-o Carlos Charrier, Cerrito — 84/b *Montevideo*, Uruquay, Ameriko (kor. kun Bohemoj; tuj resp.). — *2. S-o Hugo C. Hark, dentisto, *Bethlehem*. Pa. U. S. A. (kor. pri ĉio). — *3. S-o Henry Boursin, *Barkerville*. B. C. Kanado (ilustr. p. k.; ĉiam resp.). — *4. S-o Domingo Altimira, *Barcelona*, 160. str. Huerta Nueva, Sabadell. Hispanujo. — *5. S-o Juan Puig, *Barcelona*, Montserrat 49. Sabadell, Hispanujo. — *6. S-o J. Costa y Deu. *Barcelona*. Str. Covadonga. Sabadell. Hispanujo. — *7. S-o K. Peig, *Sabadell*, Carretera de Tarrasa, 28. Hispanujo. — *8. S-o Fr. Armengol, *Sabadell*, 57. str. Montserrat. Hispanujo. — *9. S-o R. Delecner, *Louvain*, Muntstr. 12. Belgujo (il. k., ĉiam resp.). — *10. S-o E. Brançon, *La Garenne-Colombes*, 30 bis rue de Sartoris. Seine, Francujo. — *11. S-o Doné, prefekteja suboficestro, *Paris* XIV. rue Sivel 5. dez. varbi membrojn por „Tutmonda Amikaro de Publikoficistoj“ (t. e. urbaj, regionaj aŭ ŝtataj). — *12. S-o Georges Patroux, *St. Phillibert à Montbard*, Côte d' Or. Francujo (interŝ. il. k. kaj poŝtm.). — *13. F-ino Marguy Goimbault, *Colombes*, 14. rue Paul Bert, Seine, Francujo. — *14. S-o Henri Bobeuf, *Vincennes*, 16. rue de Bagnolet, Seine, Francujo. — *15. S-o N. Chochlov, *Moskva*, Poŝta oficejo. I. Ekspedejo. Rusujo. — *16. S-o S. Kasatkin, *Moskva*, Poŝta oficejo. I. Ekspedejo. Rusujo. — *17. S-o Arthur Oskarsson, Abo, 6. Klostergatan, Finnlando. — *18. S-o prof. Tentovi Egidio, *Napoli*, Via St. Chiara, Italujo (il. k.). — *19. S-o Ant. Jos. Ohm, *Niedergrund* B. N. B. Bohemujo (il. k.). — *20. S-o Bedřich Kobr, *Dolenní Roketnice* u Jilemnice, fabriko de f-o Prellog. Bohemujo. — *21. S-o Jos. Brunclík, instruisto, *Stará Paka*, Bohemujo (dez. kor. kun bohemaj Esp.). — *22. S-o Bohumil Tomis, faka instruisto ĉe burĝa lernejo *Velké Kunčice* u Mor. Ostravy. Moravio (dez. kor. kun Francino). — *23. His Royal Higness, the Prince of Mayô, London, Mildmay Grove 18. (resp. ĉiam, ĉiulingve). — *24. S-o Sung Sik, *Lungchow*, Poŝta oficejo China. Via Tonkin. (Kolektas p. m. kaj il. k. kun bildoj de poŝtoficejoj). — *25. S-o José Ventura, *Tarrasa* (Barcelona). Str. de Watt 31. Hispanujo. (il. k., let. kun Bohemoj kaj eksterlandanoj). — *26. S-o V. Georgieff, *Sofia*, Str. Iskar 49. Bulgarujo. — *27. S-oj J. Danou, Avram Danou. E. Saragosti, komercistoj per figoj. *Aïdin*. Turkujo (dez. interŝ. p. m, il. k. kaj precipe jurnalojn; kontraŭ 50 p. m. ili sendos 75; aŭstriajn kaj germ. ili ne deziras). — *28. S-o Vitalij Nikolaev, *Pskov*, Kozovij per. d. Plukŝ, Ruslando (p. m.). — *29. S-o Alex. Zahel, *Praha*. II. Táborská ul. 19. (dez. havi korespondanton perfekte sciantan Esperanton en ĉiu ĉefurbo de ĉiuj landoj; interŝ. p. m.).

---

**Eldonanto:** Ed. Kühnl. – **Presejo de** Národní tiskárna a nakl. JUDr. **Edvard Jan Baštýř a spol. Praha.**